# GAŬĈA STELO



Gaŭĉa Esperanto - Asocio n-ro 21 – septembro / 2001


## Verdlando

Ennio Ferreira Porto

Ĉu vi scias ion pri Verdlando ? Verdlando estas kvazaŭ vera lando. Ĝi posedas propran lingvon, propran literaturon, magazenon, klubojn, tradiciojn ktp. Ĝi estas tiel granda kiel la terglobo. Ĝia teritorio estas nemezurebla. Ĝiaj limoj estas malkonataj kaj nedefinitaj. Ĝiaj anoj samtempe loĝas en Verdlando kaj en aliaj landoj. Neniu scias kie estas Verdlando. Oni ne faris ĝian mapon, sed ĝi staras ene de ĉiu mapo. Ĝia teritorio intermiksiĝas kun teritorioj de ĉiuj aliaj landoj.

Verdlando ne varbas militistojn kaj tie ne estas militojn. Pro la fakto ke ĝiaj limoj estas maldonataj, ili estas malatakeblaj. Sekve de tio, verdlandanoj ne necesas defendi al si per militfaritaĵoj. Verdire, neniu alilandano sukcesas malami kaj milite ataki aŭ invadi Verdlandon. Ĉio ajn kio estas en Verdlando , escepte ĝiaj kulturaj valoroj, venas el aliaj landoj laŭ popoloj. Laŭokaze, ke iuj el vi deziros pli bone koni Verdlandon, eĉ vivi tie, ami kaj loĝi en ĝi, parolu al ni.

- **Ni estas, laŭ komuna saĝo, la verduloj !**



## Netuŝebleco

Fundamento de Esperanto estis deklarita netuŝebla en 1905 (Bulonja Kongreso)

## Tutmonda Forumo

Okazos, ĉi-jare, en Porto Alegre, RS , de la 24-a ĝis la 27-a de Oktobro, la Tutmonda Forumo pri Edukado. Laŭ informoj , la prezidanto de Universala Esperanto-Asocio rekomendas viziton al "site" de la Forumo en Porto Alegre :

www.forummundialdeeducaçao.com.br

## Estraro de BEL

La nova Estraro de BEL por la periodo 2001 / 2004 estas : Lúcio de Almeida Castro, Prezidanto ; Carlos Maria, Vicprezidanto, Enivaldo Alves Silva , 1-a Sekretario ; Casildo Gomes Vieira 2-a Sekretario ; Adirson M. Lima, 3-a Sekretario ; José Carlos Dorini Ramos, Kasisto ; kaj Maria das Dores Goes, 2-a Kasistino.

## Aŭraj Reguloj

Aŭraj Reguloj trovitaj en la ruinoj de Persepolo, urbo konstruita de Dario kaj elfairigita de Aleksandro en 331 a.K., gravuritaj sur ŝtono kun framasona simbolo

## Gaŭĉa Renkontiĝo

En la 12ª kaj 13ª de oktobro, ĉi-jare, okazos en Torres, RS , la Sesa GRE. La evento havas la aŭspicion de TERO (Torres Esperanto-Rondo) kaj havas la jenan Programon :

**12ª Oktobre 2001**

15:00 Akceptado kaj Libroservo
17: 00 Malfermo de la Renkontiĝo
18: 00 Prelegoj de Luiz Fernqndo Puhl kaj Julinha Z. F. Pereira
19: 30 Komuna vespermanĝo
21:00 Arta Vespero

**13ª Oktobre/ 2001**

9:00 Prelego : Akva Kontrolo : Preleganto : Alberto Barrocas (Urugvajo)
10:00 Rakontoj kaj "Kaŭzoj": Prof. Paulo Ereno
11:00 Diskutprelego pri la temo :**Instruado de Esperanto** : Prof. Cesar Dorneles Soares
11:30 Fermo de la Renkontiĝo

## 11ª Sudbrazila Renkontiĝo de Esperanto

La 2-an kaj la 3-an de Novembro 2001, okazos en la urbo Campo Largo, Paranao, proksime de Curitiba, 30 Km, la 11ª SUBRE.

Informoj: Jorge de Souza Teles, tel. 9996-0466 kaj Glória Lúcia Perine, tel. 0xx41-223-7336. La rekontiĝa temo estas: " Praktikumo de Dialogo"

| Ne | Ĉion kion | Ĉar tiu kiu | Ĉion kion | Ofte | Tion kion |
|---|---|---|---|---|---|
| Diru | Vi scias | Diras | Li scias | Diros | Li ne scias |
| Faru | Vi povas | Faras | Li povas | Faros | Li ne povas |
| Kredu | Vi aŭdas | Kredas | Li aŭdas | Kredos | Li ne aŭdas |
| Elspezu | Vi havas | Elspezas | Li havas | Elspezos | Li ne havas |
| Juĝu | Vi vidas | Juĝas | Li vidas | Juĝos | Li ne vidas |




# Poemo

Manoel Ramos Nogueira

Mi estas homo kiu kunportas la pasintecon ene de mia memoro kaj la estontecon, gardestaranto de mi mem. Mi havas okulojn kiuj vidas longe trans la horizonton. Mi havas aŭdon kiu aŭdas la sonon ankoraŭ ne sonanta. Mi povas vojiri sur vojoj perditaj en la tempo. Mi povas plori la cikatrodoloroj kiuj malaperis ; ami la virinon kiu neniam fordoniĝis. Mi estas la espero kiu apartigas la revon el la realo. Mi povas esti la ombroi de la arboj kiuj ankoraŭ ne ĝermis ; la buŝo kiu atendas la amkison. Mi estas la mallumo kiu la lumo ankoraŭ ne lumigis kaj la lumo kiu blindulo ankoraŭ ne vidis. Mi povas ridi, plori aŭ resti muta .Esti malgranda kiel roso, granda kiel la mondo. Esti militisto preta por la batalo laŭ infano plena da ploraĉo, sed ruza. Mi povas veti ĉion per unu nura ludrondo, nur por scii ĉu la sorto estas kaŝita ludkarto.Mi povas esti la mateno kiu ne mateniĝis ; la vespero kiu ne vesperiĝis aŭ la nokto kiu neniam noktiĝis . Mi povas esti la piediranto kiu neniam paŝis ; la odoro de parfumo kiu neniam odoris ; la parolojn kiuj la mondo neniam parolis ; la beleco kiu neniam montriĝis ; la frukto kiu iu neniam provis ; la maro kiu la velŝipo neniam navigadis ; la revo kiu la homaro neniam revis.. Mi povas esti la amkanzono kiu neniam estis skribata aŭ kantata . Mi nur ne povas esti la fonto de vivo naskante la vivon, kvazaŭ vivdaŭra akvofalo.

# Ĉu kiseton?

Gaŭĉino mi vin amas
Vin adoras kun fervor´ li
Vi respondu, amatino,
De kiu estas via kor`?

Mia koro apartenas
Al la dolĉa amato mia ŝi
Se vi volas nun eltrovi
Vi demandu al koro via.

Mi demandis al mia koro
Respondu bonvole al mi li
Ho, kiu faras min sopiri ?
Ĝi respondis : estas vi !

Kiam mi revenos baldaŭ
Mi promesas doni al vi li
Nur brakumon kaj kiseton
Ĉu permesos tion al mi ?

## Gaŭĉaj popoldiroj

Lama kiel hundo sur la frosto
Larĝa kiel kolumo de pajaco
Malbela kiel edzino de blindulo
Malglata kiel ovo de aligatoro
Malordigita kiel valizo de frenezulo
Maltranskvila kiel nano dum popolkunveno
Metita kiel fingro en infana nazo
Milda kiel kato de vidvino
Nigra kiel buŝo de lupo
Ornamita kiel bideo de ĉiesulino



## GEA Elektado

Gaŭĉa Esperanto-Asocio efektivigis la 2-an de julio ĉi-jare la elektadon de la nova estraro kaj de la Delegitoj membroj de Federacia Konsilantaro, por la periodo 2001 / 2003 :

Prezidantino : Hilda Pinto; Vicprezidanto Ivo Sanguinetti ; 1-a Sekretario: Joaquim Chaves; 2a Sekretario : Luiz Fernando Puhl Kasistino : Marília M. Matos.

Federacia Konsilantaro : Julinha Z.F. Pereira, Manoel Torres Abreu kaj Olavo Faustino.

## Universala Kongreso

La 87a Universala Kongreso de Esperanto okazos en Fortaleza, Ceara, de la 3a ĝis la 10a de aŭgusto venontjare efektivigita de Universala Esperanto-Asocio (UEA), kies sidejo estas en Rotterdamo, Nederlando.

## Statuo de l´lazkaptisto

La statuo de la Lazkaptisto lokiĝas proksime de la Internacia Flughaveno de Porto Alegre. Ĝi estas omaĝo al imponeco de la tipa gaŭĉo. La monumento fariĝis oficiala simbolo de Porto Alegre en 1991 post popola konsulto. Ĝi estis muldita el bronzo en 1954 far la skulptisto Antônio Caringi, La skulpturo estas 4m 45 cm alta kaj 3,8 tunoj peza. Ĝi estas sur granda piedestalo kun 2m 10cm, ekde la 20a de septembro 1958, kiam estis inaŭgurata.



# Lingvaj Kuriozaĵoj

| Esperante | Portugale |
|---|---|
| Trato | Saque |
| Treno | Puxào |
| Turno | Volta |
| Vago | Vadiação |
| Valo | Vale |
| Vida | Visual |
| Vila | Peludo |
| Vivo | Vida |

## Ago-Tago

La Ago-Tago okazos en la unua sabato de oktobro, kvankam eblas ĝin ŝovi aŭ la apuda vendredo aŭ dimanĉo, kie tio pli konvenas. Ĉi-jare, do, la Ago-Tago okazos en la 7-a de oktobro.


**Gaŭĉa Stelo**



**Informilo de Gaŭĉa Esperanto-Asocio**
Andradas 1251, ĉ.103 - F.228.31.98
Poŝtkesto 815 - CEP 90001-970
Porto Alegre - RS - Brazilo
Trimonata senpaga bulteno
n-ro 21 – setembro / 2001
Redaktoro-ĵurnalisto : Ivo Sanguinetti
Eldonisto: Joaquim Chaves
**esperanto.gea@plug-in.com.br**